# BULTENO

DE

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

KAJ DE

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

(T. V.)


**Nº 11. — Julio 1928.**


Tiu Bulteno estas sendata senpage al la membroj de I. S. A. E. kaj al la kunlaborantoj de la Sekcio de T. V.

Unu numero : *0,1 dolaro*

Jarabono : *0,5 dolaro.*




*Kotizo al I. S. A. E.*

Vidu trian paĝon de la kovrilo malsupre.


REDAKTEJO :

S-ro ROLLET DE L'ISLE
Ĝenerala Sekretario de I. S. A. E.

35, Rue Du Sommerard
PARIS, France

ABONEJO :

S-ro C. ROUSSEAU
Kasisto de I. S. A. E.

32, Grande-Rue
ENGHIEN-LES-BAINS (Seine-et-Oise)
France

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(FONDITA EN 1906)

## PATRONADA KOMITATO

(en formado)

APPELL, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, honora rektoro de la Pariza Universitato.

DANIEL BERTHELOT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

BIGOURDAN, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Horo.

DESLANDRES, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Astronomifizika Observatorio.

GUILLAUME, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

JANET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Supera Lernejo de Elektro.

LALLEMAND, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Internacia Uniono de Geodezio kaj Geofiziko.

LUMIÈRE (LOUIS), membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

MESNAGER, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PAINLEVÉ, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

CH. RICHET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

EMIL SETÄLÄ, membro de la Finnlanda Scienca Akademio, ministro de la eksteraj aferoj.

J. J. STIELTJES, ĝenerala inspektoro de Nederlandaj Fervojoj kaj Tramvojoj, prezidanto de la « Koninklijk Instituut van Ingenieurs ».

VIKÁR, membro de la Hungara Akademio de Sciencoj.

## ANTAŬAJ PREZIDANTOJ

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PROFESORO SCHMIDT, direktoro de la Magneta Observatorio de Potsdam.

BENOIT, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

PROF. HUNTINGTON, de la Universitato de Harvard (U.S.A.).

J. J. THOMSON, profesoro de Fiziko de la Cambridge'a Universitato.

FORSTER, prezidanto de la Internacia Komitato de Pezoj kaj Mezuriloj.

COTTON, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

# BULTENO
DE
# Internacia Scienca Asocio Esperantista

Nº 11. — JULIO 1928

## VIVO DE NIA ASOCIO

## NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ

### 1e *Novaj membroj aliĝintaj de la 1-a de Marto 1928 ĝis la 1-a de Junio 1928*

**Belgujo**

**Schoofs** (Frans), prez. de Belga Esperantista Ligo, Kleine Hondstraat 11, Antwerpen.

**Ĉeĥoslovakujo**

**Balasz** (D-ro David), advokato, Legionaiské nam. 1, Kosice.
**Bouŝka** (H. K.), urba oficisto, Vrsovice 326, Praha.
**Fousek** (D-ro Jos.), advokato, Prelouĉ.
**Kohn** (Josef), inĝeniero-kemiisto, Plasska 10, Lochotin, Plzen.
**Ŝil** (D-ro Jos.), kuracisto, Kolin.

**Hispanujo**

**Menendez Rua** (Fr.), 8, str. S. Francisko de Paula, Gijon.

**Japanujo**

**Keijiro Yanai**, ĉe S-ro Kinjiro Katsura, I-59, Nihonenoki-machi, Shiba-Ku, Tokio.
**Kihiko Ono**, ĉe Japana Esperanto Instituto, Tokio.
**Kikuo Yamagishi**, 335, Tomida-cho, Taioku-shi, Taiwan (Formose).
**Masaichi Shirase**, ĉe Kojima-Denki-Seisakusho, Hachijoo Horikawa-nishi, Kioto.
**Masao Takeda**, III Inukawa-machi, Edamitu, Yawata-shi, Fukuoka-Ken.
**Masami Kato**, 458, Kooenji, Tokio-fu.
**Mayuki Ootsubo**, 875, Shimo-ochiai, Tokio-fu.
**Noritaka Mita**, Obihiro-machi, Nishi III-15, Hokkaido.

**Renichiro Ueda**, ĉe Renkichi Okumura, 147, Daido-itchome, Tennoji-Ku, Osaka.

**Seiho Nishi**, ĉe Anatomia fako, Medicina Fakultato, Imperia Universitato, Tokio.

**Sukemasa Sasaki**, ĉe Sumitomo Densen Seizo-sho, Shikanjima, Osaka.

**Tabori Fuchida**, 154, Koofudai, Dairen (Suda Manĉurio).

**Takeiĉi Yamada**, 442, Nakazato, Takinokawa-machi, Tokio-fu.

**Takeo Egami**, 877, Kamikitarawa, Matuzawamura, Tokio-fu.

**Torao Kurusu**, Zenrahokudo-Shubyô-sho, Riri, Koreujo (Chôsen).

**Tuneo Suzuki**, 57-no-15 go, Hayashi-cho, Koishikawa, Tokio.

**Yasuyoshi Kitamura**, Miyauchi Hachiman-machi, Ŝiĝa-Ken.

**Yoshio Hashimoto**, Miike Koogyo-sho, Oomuda-shi, Fukuoka-Ken.

### Jugoslavujo

**Puhalo** (Ilija F.), fervojoficisto, Strojarska cesta, Zagreb.

## 2e *Ŝanĝoj de adreso*

**Lebrun** (Anglujo), nun : 20, Cockspur Street, London S. W. 1.

**Hendricx** (Belgujo), nun : 52, rue du Repos, Uccle (Bruxelles).

**Briquet** (Francujo). nun : 48, Boulevard Montebello, Lille.

**Grisel** (Francujo), nun : 30, rue Guéroux, Pierrefitte (Seine).

**Kayser** (Germanujo), nun : Hubnerstrasse 8 III, Chemnitz.

**Sirk** (Jugoslavujo), prof. de fiziko, nun : Universitato de Ljubljana.

**Van Hengel** (Nederlando), nun : Laren.

**Jaccard** (Svisujo), nun : 13, rue de la Banque, Le Locle.

## 3e *Korektoj*

**Saĥarov** (Rusujo), Moskvo, poŝtkesto 1138.

D. **Clegg** (Usono), dumviva membro, 307, North Michigan Avenue, Chicago.

Kun granda plezuro ni sciiĝas, ke nia kolego **Joŝicugu Okamoto** bonvolas plenumi la taskon de nacia delegito por Japanujo. Verdire jam de longe li ludis tiun rolon, ĉar ii varbis naŭ membrojn antaŭ unu jaro, kaj li ĵus sendis al ni liston da 14 novaj membroj. Plie, laŭ lia instigo, « Japana Esperanto Instituto » donacis 300 frankojn fr. al nia Asocio. Mirinda ekzemplo, kiun niaj delegitoj kaj membroj — el kiuj kelkaj forgesas pagi sian kotizon — imitu !

# XIX[a] UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

(ANTVERPENO, Aŭgusto 1928)

Kunsido de nia Asocio okazos dum la Kongreso ; la programo konigos horon kaj daton.

Dum la Kongreso estos legataj la *Raportoj de la ĝenerala Sekretario kaj de la Kasisto,* kiuj estas presitaj en tiu Bulteno.

Ĉar ni ricevis neniun proponon de iu el niaj membroj pri temoj diskutotaj dum tiu Kunsido, ni proponas, ke krom tiuj kiuj estos prezentataj de la ĉeestantoj, la realigado de la ideo de S-ro *H. Muravkin,* pri kiu ni parolis en antaŭaj Bultenoj, kaj de nove parolas en tiu ĉi Bulteno, estu zorge studata.

Kiel ni sciiĝis, nia delegito en Belgujo, S-ro *Vandevelde*, organizis teknikan viziton de la haveno de Antverpeno, rezervitan al la membroj de nia Asocio. Detalaj sciigoj pri tiu vizito estos donataj dum la Kongreso mem.

## Raporto de la Ĝenerala Sekretario pri la vivo kaj agado de la Asocio dum la jaro 1927-1928

### 1. — VIVO DE LA ASOCIO

*Membroj.* — Jen la nombroj de niaj membroj je la 1-a de Junio 1927 kaj 1928 :

| | 1927 | 1928 |
|---|---|---|
| Membroj aktivaj . . . . . | 220 | 313 |
| » subtenanjoj . . . | 41 | 52 |
| » dumvivaj . . . . | 9 | 9 |
| Tutoj . . | 270 | 374 |

Se oni rimarkas, ke la 1-an de Junio 1926 la nombro de niaj membroj estis 230, oni konstatas, ke nia membraro kreskas kontentige. Kvankam tiuj nombroj estas ridinde malgrandaj kompare kun tiu de la teknikistoj de la tuta mondo, tamen ili pruvas, ke tre malrapide, sed certe, nia

ideo progresadas. Des pli rimarkinda estas tiu fakto, ke ĝi rezultas el la persona agado de niaj membroj, ĉar preskaŭ neniu propagando estas farita en la teknikaj publikigaĵoj aŭ oficiale en la Kongresoj.

*Bulteno.* — Nedubeble inter niaj membroj, kelkaj ne kapablas uzi Esperanton ; sed ili deziras montri, ke ili varme aprobas nian propagandon, kaj ke ili estas pretaj lerni la lingvon, kiam ili estos certaj, ke tiu laboro utilos al ili, kion ili sciiĝos per nia Bnlteno. Pro tio, kvankam tiu broŝureto estas tre malproksima je la publikigaĵo, kiun ni dezirus prezenti al la varbotuloj — kaj kiun niaj ag- kaj monrimedoj ne ebligas krei kaj vivigi — ĝi estas utila kiel memorigilo kaj ligilo inter ĉiuj tiuj disaj elementaj fortoj.

2. — AGADO DE NIA ASOCIO

Dum tiu jaro agado de nia Asocio estis, kiel kutime, direktata al la gazetaro, por publikigado de resumoj en Esperanto, kaj al uzado de nia lingvo en internaciaj kongresoj ; bedaŭrinde la sukcesoj estis malmultenombraj. Tamen ŝajnas, ke alpreno de Esperanto, kiel nura lingvo por tradukoj, progresis en la kongresoj, kaj ni rekomendas tiun solvon al niaj membroj ; eble ĝi estus pli facile akceptita, ĉefe por publikigado de la dokumentoj, pro la tre granda facileco de la legado de la teknika lingvo.

ROLLET DE L'ISLE.

---

## Raporto de la Kasisto pri la financa stato de la Asocio dum la jaro 1927-1928

Kiel montrite sur la Bulteno N-ro 7, de Julio 1927, restis en la kaso de la Asocio je la 1-a de Junio 1927 sumo da 10.907,80 francaj frankoj.

Dum la 12 monatoj pasintaj depost tiu epoko, la kasisto :

**Enspezis** :

| | | |
|---|---|---|
| *a)* Diversajn kotizojn por 1926, 1927, 1928 kaj tri por 1929 . . . . . . . . . . . . . . | | 4.377 85 |
| *b)* Donacon kaj vendon de dokumentoj . . . . | | 138 » |
| Sume . . | | 4.515 85 |

**Elspezis** :

| | | |
|---|---|---|
| *a)* Presado de 4 Bultenoj . . . . | 2.976 » | |
| *b)* Por cirkuleroj . . . . . . . | 45 50 | |
| *c)* Por afranko, poŝtmarkoj . . . . | 683 20 | |
| *d)* Por oficejaj elspezoj . . . . . | 492 45 | |
| *e)* Por aĉeto de libro . . . . . | 10 35 | |
| | | 4.207 50 |
| Diferenco . . | | 308 35 |
| Plus, enkaso je la 1-a de Junio 1927 . . . . . . . | | 10.907 80 |
| Sume . . | | 11.216 15 |

Al tiu bonhavo, oni devas aldoni :

| | | |
|---|---|---|
| Debetan soldon de U. E. A., Genève. . | 62 50 | |
| » » Sudslava Esp.-Servo. | 176 05 | |
| | | 238 55 |
| Sume, francaj frankoj . . | | 11.454 70 |

*Rimarkoj.* Unu cento da anoj ne pagis por la jaro 1927, malgraŭ ripetita averto.

La kotizaĵoj pagitaj de 11 *dumvivaj* anoj aŭ societoj ĝis nun enskribitaj sumas 5.884,45 fr. frankojn.

C. Rousseau.

---

## LETERO AL LA NACIAJ DELEGITOJ

Ĉar kelkaj membroj ne bone komprenas la rolon de niaj naciaj delegitoj — kaj aliflanke ĉar la letero, kiun ni sendis de Oktobro 1925 al la novaj delegitoj, ne plu tute respondas je la nuna stato de nia Asocio, — ni redaktis la ĉi-suban tekston, kiu de nun estos sendata al la novaj delegitoj, kaj kiu memorigos niajn membrojn pri la tasko kaj rolo de tiuj naciaj delegitoj, kaj niajn delegitojn pri tiu rolo, kiun kelkaj ŝajne iom forgesis.

Estimata Kolego,

Kiel vi scias, nia Asocio starigas, en kiel eble plej granda nombro da landoj, *naciajn delegitojn*. Ni petas vin bonvoli plenumi tiun oficon en via lando.

Via rolo estus la sekvanta :

1. — La delegito klopodas en sia lando por plenumi la programon ĉi-poste montratan. Laŭbezone li petas la Ĝeneralan Sekretarion pri konsiloj, agrimedoj, propagandiloj ; li sciigas la akiritajn rezultatojn al tiu Sekretario.

2. — La delegito starigas liston de eminentuloj kaj societoj sciencistaj kaj teknikistaj de sia lando, favoraj al Esperanto kaj de siaj samnaciuloj de tiuj rondoj, scipovantaj la lingvon, kune kun iliaj profesioj, titoloj kaj adresoj. Ĉiujare li adresas tiun liston al la Ĝenerala Sekretario.

3. — La delegito klopodas varbi novajn membrojn kaj vigligi la nunajn, kies nomojn li trovos en la listo de la membroj de nia Asocio, publikigata en la unua de ĉiu jaro numero de nia Bulteno. Li kunigas ilin kiel eble plej ofte, kaj almenaŭ dum la nacia esperantista Kongreso de sia lando.

4. — Li *ne* kolektas la kotizojn.

5. — La delegito ricevas specialan karton, leterpaperojn kaj kovertojn kun la titolo de la Asocio ; ĉiujare la kasisto repagas al li liajn elspezojn de korespondado.

Mi insiste petas vin, ke malgraŭ viaj profesiaj okupadoj, vi bonvolu akcepti tiun nian proponon ; vi — kiel ni — faros vian eblon ; ni ĉiam estos dankaj al vi pro la helpo, kiu ajn ĝi estos, kiun vi alportos al ni.

*La Ĝenerala Sekretario :*

ROLLET DE L'ISLE.

*35, rue du Sommerard, Paris (Francujo).*

## AGADPROGRAMO

**Oficialaj estraroj.** — Ili enkonduku Esperanton en la sciencajn kaj teknikajn lernejojn ; ili promesu al la kandidatoj al oficiala diplomo aŭ posteno en la ŝtata administracio kelkajn favoraĵojn, se ili scias Esperanton ; ili uzu Espe-

ranton en siaj oficialaj oficejoj por interrilatoj kun la samfakaj alilandaj oficejoj ; ili donu financan kaj moralan apogon al nia Asocio.

**Asocioj kaj Kongresoj.** — Ili alprenu deziresprimon similan je tiu de la Franca Akademio de Sciencoj. La Asocioj starigu kursojn de Esperanto en siaj fakaj lernejoj ; ili presigu artikolojn pri Esperanto, resumojn en tiu lingvo en siaj bultenoj. La Kongresoj alprenu Esperanton inter la oficialaj lingvoj ; decidu, ke la komunikaĵoj faritaj en iu ajn nacia lingvo estos tradukataj, kaj la raportoj publikigataj nur en Esperanto.

**Eldonistoj.** — Ili liveru tradukaĵojn de altvaloraj verkoj ĉiunaciaj (nemultpaĝaj por komenci), de didaktikaj enciklopedioj en malgrandaj volumoj, de internaciaj vortaroj ; ili prenu sur sin respondecon de publikigado de scienca kaj teknika revuo. Ili publikigu en siaj teknikaj revuoj artikolojn pri Esperanto, resumojn en tiu lingvo.

**Sciencistoj, teknikistoj, industriaj firmoj kaj societoj.** — La personoj de tiuj rondoj lernu Esperanton laŭ sufiĉa grado, por ke ili almenaŭ ĝin komprenu per legado (kio estas ebla post tempo eksterordinare mallonga). La firmoj uzu Esperanton por siaj alilandaj rilatoj, per oficistoj scipovantaj la lingvon kaj pro tio ricevantaj pluajn profitojn. Ili ĉiuj aliĝu la Asocion por helpi morale kaj finance ĝiajn agadrimedojn.

---

**KOTIZO. — Ni insiste petas niajn membrojn pagi la jaran kotizon por 1928 kiel eble plej baldaŭ, atentigante ilin pri la nova adreso de nia Kasisto, kiu nun estas :**

**S-ro Rousseau, 32, Grande Rue, Enghien-les-Bains, Seine-et-Oise, France.**

**Por la francoj : Poŝta ĉekkonto N° 698-55, Paris.**

# PROGRESOJ KAJ SCIIGOJ

La **Aervetura Kompanio Farman** pristudis la demandon pri Esperanto en la poŝta aervetur-servo, kaj konsideris, ke nur tiu lingvo kapablas forigi la malhelpojn, kiuj rezultas el la lingva diverseco. Sekve de tio, la estraro de la Farmanlinioj decidis instrui Esperanton al siaj gvidistoj kaj esprimis la deziron, ke la radio-telegrafaj stacioj povu korespondi en la citita lingvo kun ĝiaj aviadiloj. Ĝi atentigas la radio-telegrafistojn pri la graveco, kiun prezentas la studo de Esperanto kaj esperas ke, dank' al ilia kunlaborado, la tiom urĝa lingva demando rapide atingos sian solvon.

*S-ro Muravkin* sendis al ni alvokon sendotan por represado al ĉiuj esperantistaj gazetoj ; ĝi celas konstati ĉu troviĝas en la esperantistaro nombro da bonvoluloj sufiĉe granda por realigi la projekton, kiun ni klarigis en antaŭaj Bultenoj. Jen tiu dokumento :

## ALVOKO

Internacia Scienca Asocio Esperantista projektas organizon de **Internacia Scienca Inform-Servo (I. S. I. S.).**

*Celo* de tiu organizaĵo estas liveradi al sciencaj kaj teknikaj laborantoj de ĉiuj landoj freŝajn, precizajn kaj rektajn informojn, resumojn kaj kronikojn pri sciencaj kaj teknikaj novaĵoj.

*Organizo* konsistas el :

*a) Korespondantoj* por la diversaj fakoj, ekz. : fiziko, geografio, k. t. p. troviĝantaj en ĉiuj landoj ; ili regule ĉiujn du monatojn, sendas al Centra Oficejo esperantlingvan kronikon pri sia fako, resumon de novaj ĵurnaloj, raportojn, k. t. p.

*b) Centra oficejo,* kiu ordigas la ricevitan materialon, multobligas kaj dissendas ĝin al la landaj oficejoj kaj esperantaj interesuloj.

*c) Landaj oficejoj*, kiuj, post ricevo, tradukas la informfoliojn en la koncernan nacian lingvon, multobligas kaj dissendas ilin al sciencaj revuoj, gazetoj kaj tagaj ĵurnaloj.

Centra oficejo, krom tio, havas informfakon, per kies perado, oni povas ricevi artikolojn originalajn, librojn kaj materialojn el la landoj kie troviĝas landaj oficejoj.

**I. S. A. E. provos funkciigi tiun organizaĵon nur se ĝi trovas sufiĉe multenombrajn kunlaborantojn de ĉiuj fakoj en ĉiuj landoj.**

La sciencistoj kaj teknikistoj esperantistaj kiuj konsentas plenumi tiun taskon, gravan por scienco kaj por Esperanto — senpagan dum unua tempo — bonvolu sciigi, kiel eble plej baldaŭ, sian nomon, adreson kaj profesian fakon al prepara komisiono, kies adreso estas :

**Esperanta Rondo Akademia-Universitato**
**Berlin, Germanujo.**

Ni petas la esperantistajn gazetojn bonvoli represi tiun alvokon, altirante al ĝi, per kelkaj vortoj, atenton de siaj legantoj ; kaj niajn kolegojn ne nur ekzameni serioze ĉu ili povas efike kunlaboradi, sed ankaŭ konigi al la teknikistoj, esperantistaj aŭ ne, kun kiuj ili interrilatiĝas, intereson de tiu provo kaj peti ilin pri helpado — persone aŭ mone.

*S-ro Hugo Steiner*, ĉefinspektoro, prezidanto de Aŭstria Esperanto-delegitaro, disdonis cirkuleron per kiu li sciigas, ke, ĉirkaŭ li, fondiĝis komitato por kreo de **Internacia Esperanto-Muzeo en Wien,** sub ŝtata protekto. Tiu muzeo havas la celon kolekti kaj konservi la tutan materialon ligitan kun la historia movado de Esp. kaj de la lingvaj sistemoj, kaj dokumente pruvi la disvastiĝon de nia lingvo en la diversaj landoj. Honora Komitato entenas kelkajn eminentulojn de Aŭstrujo kaj esperantistajn. La Loka kuratora Komitato turnas sin al la tutmonda esperantistaro kun la afabla peto pri morala kaj materia apogo. Ĉiujn sendaĵojn oni bonvolu direkti al *Int. Esperanto-Muzeo, Wien I, Liebiggasse 5*.

Nia kolego *D-ro Hanauer* publikigis en la gazeto « **Technik Voran** », N-ro 20/21 de la unua de Oktobro 1927,

artikolon, kies komenco estas esperanta resumo de la enhavo. Tiu artikolo estas titolata : « Mondlingvo kaj Tekniko » kaj tiu resumo montras la enhavon : La problemo. Partaj solvoj : latina kaj franca lingvoj. Volapük sennacia, Esperanto internacia, elserĉita lingvo. Reguleco speciale ĉe la sufiksoj. Preskaŭ sen esceptoj. Unu litero unu sono kaj unu sono unu litero ? Ortografio kaj ĝia plisimpligo. Fonetika alfabeto. Stenografantaj maŝinoj. Artefaritaj kaj « naturaj » lingvoj. La internacia helpa lingvo ne povas esti nacia lingvo. La latina lingvo ne estas sufiĉe moderna kaj estas tro malfacila ; malsama elparolado ĉe diversaj popoloj. La angla lingvo ne devas esti elektata. Mallibereco post elekto de ekzistanta lingvo. Lingva kutimo. Ekonomia valoro de Esperanto. Pruvo de la eblo interkompreniĝi per Esperanto. Esp. kaj la eŭropaj « dialektoj ». Por traduko kaj retraduko Esp. pli taŭga ol ĉiuj aliaj lingvoj. Signifo de la dua lingvo ĝenerale el la eduka vidpunkto. « Falsaj » analogioj de infanoj. Mallongeco. La holanda lingvo. Proponoj por lingva instruado en lernejo. Fonetika alfabeto. Fiksa signifo de la afiksoj en Esperanto. Esperata influo sur la « vivantaj » lingvoj. Signifo de Esperanto por la scienco. Reformo de Esp. Peto pro kritiko. La estonteco de Esperanto ». Ni donas tiun resumon, ĉar ĝi estas modelo por artikolo aŭ parolado, kies celo estas konigi al teknikistoj naturon kaj servojn de Esperanto.

Nia kolego *D-ro Oishi,* estro de la Aerologia Observatorio de *Tateno* apud *Tatiura* (Ibaraki-Ken) Japanujo, ĵus publikigis la **Duan Raporton de la Aerologia Observatorio de Tateno,** tute redaktitan en Esperanto kiel la unua kaj same ampleksan. Ĝi entenas la rezultatojn de la meteorologiaj observadoj « apudteraeraj » faritaj en la Observatorio dum la jaroj 1921/25. En unua n-ro de tiu raporto estis jam publikigitaj la rezultatoj de la observadoj faritaj per pilotbalono en la jaroj 1923 kaj 1924. La nova broŝuro entenas 173 paĝojn, formato 30/22, multenombrajn tabelojn kaj figurojn ; kelkaj fotografajoj montras la observatorion. Ĝi konsistigas mirindan propagandilon por la teknikistaj rondoj, kaj pro tio ni ne povos tro gratuli nian kuraĝeman kolegon.

Nia kolego *St. Kamaryt* sciigas en « Progreso » (aprilo 1928) ke : « La **Scienca Sekcio (de la ĉeĥoslovaka Asocio)** dediĉis sian atenton (dum la jaro 1927) al la esperantaj resumoj en sciencaj gazetoj ĉeĥoslovakaj, sed sensukcese. — La artikolo en Esperanto pri metodo de ellaborado de regulaciaj planoj de urboj, kies aŭtoro estas docento *Zakrejs*, membro de nia honora komitato, trovis eĥon sole en Kalifornio, de kie skribis *S-ro Postnikov*, en *Berkeley*. — Direktoro de la sekcio zorgis, kun kontentiga rezulto, ke I. S. A. E. havu el Ĉ. S. R. indan nombron da membroj. Por faciligi la varbadon ni eldonis en decembro ciklostilitajn cirkulerojn, kiuj rapidigos la laboron. — Ni donadis fakajn konsilojn pri teknikaj terminoj. Atentinda estas la kunlaboro en meritplena traduko de fervojaj dokumentoj, farata de S-ro insp. *Rebiček* en *Olomouc*. N. D. *Nemseĉi* en *Tabriz* ricevis de ni fotografaĵojn, kiujn li danke kvitis. »

La Prezidanto de la Akademio petas nin publikigi la sekvantan liston de la **nove elektitaj membroj de la Lingva Komitato:** S-roj *Mučnik, Sabadell, Drezen, Bofill M. Granada, Ghez, de Ménil, Zwach* (mortis dum la balotado), *Uitterdijk, Sepulvedra Cuadra*.

Niaj samideanoj *Prof. W. M. Brown* kaj *F. R. A. Mc Cormick* ĵus tradukis « **Pri la origino de l' homo** », paroladо farita ĉe la kunveno de la Brita Asocio por antaŭenigo de Scienco, en *Leeds* (Anglujo), la 31-an de Aŭgusto 1927, de *Prof. Sir Arthur Keith*, prezidanto, *Huntera* profesoro kaj Konservisto de Muzeo, Reĝa Kolegio de Kirurgoj de Anglujo. En antaŭparolo la tradukintoj diras : « Laŭ la opinio de la tradukintoj, ne ekzistas sufiĉe multnombre la verkoj sciencaj, precipe de la populara speco. Eble oni diros : jes, sed ĉiu popolo povus havi ilin en la nacia lingvo, kaj ne bezonas legi ilin esperantlingve. Tio estas prava, sed ekzistas en ĉiu popolo spertuloj, kiuj estas mondfamaj pri sia aparta profesio aŭ fakultato, kaj iliaj verkoj eble ne aperos en alia nacia lingvo krom la propra. Do en tio ĉi oni konstatas la grandan utilecon de Esperanto, ke ĝi povas transdoni bonajn verkojn al la internacia legantaro.

Estis pro tio, ke la tradukintoj elektis la verkon de *Prof. Sir Arthur Keith,* ĉar li estas mondfama pri sia temo, kaj ankaŭ ĉar la temo estas mondinteresa nuntempe... ».

La libro estas eldonita de *The Esperanto Publishing Company Ltd, 142, High Holborn, London W C 1,* Anglujo. Prezo broŝurita 1 ŝ. 9 p. ; bindita 2 ŝ. 6 p. ; afranko 3 p.

*Generalo Sebert* bonvolis oferdonaci al nia Asocio 2670 ekzemplerojn de **malnovaj numeroj de Scienca Gazeto,** kiuj troviĝis en la « Pariza Centra Oficejo ».

Jen la listo de tiuj ekzempleroj kaj la prezoj, je kiuj ni sendos ilin, laŭ mendo, al niaj membroj :

*Jaro 1912.* — N-roj 1, duobla 2-3, duobla 4-5, 6, 7, duobla 8-9, 11, 12.

*Jaro 1913.* — N-roj 13, 14, 15, 16, 17, 18, 19, duobla 20-21, 22, 24.

*Jaro 1914.* — N-roj 26, 27, 28, 29, 30, 31.

Prezo de unu ekzemplero afrankite : 1,50 fr. fr. (unu respondkupono). Prezo de dek ekzempleroj de *sama numero :* 10 fr. fr.

Tuta kolekto (krom la mankantoj), t. e. 24 numeroj : 30 fr. fr.

Sendu mendojn, kune kun mono, al S-ro *C. Rousseau, 32, Grande Rue, Enghien-les-Bains (Seine-et-Oise), France.*

Nia japana samideano *T. Maeda* publikigis en la grava eldonaĵo : **Scientific papers of the Institute of Physical and Chemical Research,** kiu estas publikigata en *Tokyo,* notojn titolitajn : *La mekanismo de la hardiĝo kaj malmoliĝo de cemento,* kaj *Metodoj akiri fortikan gipscementon.* Ni jam sciiĝis, ke tiu revuo, kies tekstoj estas plej ofte anglalingve redaktitaj, ankaŭ publikigas artikolojn en Esperanto.

Ni ricevis la sekvantan sciigon, al kiu ni insiste altiras atenton de niaj membroj :

« Preparante la eldonon de la **Tutmonda Adreslibro** de inĝenieroj, teknikistoj, ĥemiistoj esperantistaj de ĉiuj landoj,

ni petas vin, pro la sukceso de la afero kaj via propra utilo, — sciigi al ni kiel eble plej baldaŭ (almenaŭ per poŝtkarto) viajn familian kaj antaŭan nomon, detalan adreson, karakteron de via agado, kie vi servas, k. t. p. — Presigo de ĉi tiuj informoj estas senpaga. — Bonvolu adresi jene :

*Esperanto Internacia Komerca Informilo, M. Wittenberg, Berlin W 62, Kleiststr. 31, Germanujo.* »

## SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

S-roj *Kreuz*, ĝenerala Sekretario de la Internacia Komitato de la Esperanta Movado, kaj *Mazzolini*, ĵus publikigis **Komercan Vortaron en Esperanto.** Tiu verko entenas 1400 vortojn, kune kun iliaj difinoj en Esperanto ; dank' al la numerigado de la komenco ĝis la fino, oni povos starigi nacilingvan vortaron ordigitan laŭalfabete ; efektive orda numero ebligas trovi la respondan tradukon en la esperanta vortaro. La aŭtoroj intencas tion fari. Je la fino estas tabelo de la monsistemo de l' ĉefaj landoj, de mezuroj kaj pezoj, k. t. p.

Pro ĝia graveco ni publikigas ĉi-sube enkondukon de tiu vortaro :

« Principoj por Fakvortaro

« La ĉefa tezo, pri kiu fakvortaristo devas atenti, estas :

« *La faka lingvo ne estas aparta idiomo, sed nur parto de la tuta lingvo, propra al speciala ideosfero.*

« Sekve de tio, la faka lingvo devas konformiĝi al la naturaj principoj de la komuna lingvo, antaŭ ol fakaj konsideroj povas havi iun rilaton al ĝia disvolvigo.

« La faklingvisto do ne povas nei la necesecon konsideri la tri sekvantajn principojn, el kiuj du jam apartenas al la komuna lingvo :

« 1-e la principo de sufiĉo ;

« 2-e la principo de neceso ;

« 3-e la principo de oportuneco.

« La du unuaj jam estas ĝenerale rekonitaj. La tria naskiĝas el la praktiko mem, kiu celas, per minimumo da forto atingi maksimumon da rezulto. Ne nur en la lingvo

de l' komercisto, sed ankaŭ en ĉiuj aliaj kampoj de l' faklingvo ĝi povas esti konsiderata kiel ekonomia faktoro. El ĝi rezultas la jenaj konsideroj :

« *a)* Kreo de nova vorto aŭ esprimo estas necesa, se temas fakte pri ideo ne-esprimebla ĝis nun, aŭ kiu per si mem reprezentas apartan konceptaĵon.

« *b)* Se por certa faka konceptaĵo, en iu nacia lingvo ekzistas aparta vorto aŭ esprimo, tio ne nepre necesigas la kreon de speciala esperanta esprimo.

« *c)* Vortoj kun unusignifa senco en la komuna lingvo ne malebligas sian metaforan uzon en la diversaj kampoj de la faklingvo.

« *ĉ)* La ebleco sin esprimi per naturaj esperanto-formoj ne malhelpas la uzon de vere internaciaj terminoj kaj formoj, ĝenerale uzataj en la praktiko (§ 15) ; sed ili devas adaptiĝi al la karaktero de Esperanto.

« *d)* Ĝuste la principo de oportuneco postulas eviton de superflua balasto en la faklingvo. »

Ankaŭ aperis kajero entenanta **500 komercajn frazojn** de *Robert Kreuz*. En la antaŭparolo la eldonisto diras :

« Konsiderante la pli kaj pli grandiĝantan valoron de Esperanto por la komerco, ni decidis aperigi ĉi-tiun eldonon en Esperanto de niaj ĉie uzataj gvidiloj por la komerca lingvo.

« Ĉi-tiu kajero enhavas 500 komercajn frazojn, formitajn por specialaj afer-okazantaĵoj kaj preskaŭ ĉiam taŭgajn kun certaj malgrandaj ŝanĝoj. Tiu, kiu post lernado de Esperanto propriĝis al si tiujn ĉi frazojn kaj poste ankoraŭ studos nian apartan eldonon de model-leteroj, certe baldaŭ estos lerta komerca korespondanto en Esperanto.

« De tiu ĉi eldono ekzistas paralel-eldonoj en la lingvoj angla, franca, germana kaj hispana, kun absolute samsenca enhavo. Ili povas utile esti uzataj kun la esperanta eldono por instruado en kursoj aŭ por hejma studo. Ankaŭ ne-komercistoj multe profitos el la uzo. Tiel la grupoj povas uzi la eldonojn por speciala ekzercado.

« Ni antaŭvidas aperigon de paralel-kajeroj en aliaj lingvoj, en kiuj ĝis nun ne ekzistas ia komerca helpilo por Esperanto, se la Esperantistaro, per la aĉeto de niaj nunaj eldonoj, montras sian grandan intereson pri nia Kolekto.

La eldono de model-leteroj anoncita en tiu antaŭparolo entenos 50 tiajn leterojn verkitajn de *Profesoro Paul Christaller* ; la tradukoj en lingvoj angla, franca, germana, hispana, itala, portugala, rusa kaj pola estas faritaj de tiunaciaj fakistoj.

Ankaŭ ĵus aperis en Parizo **Supplément Commercial à l'Esperanto en dix leçons** (Komerca Aldono al Esperanto per dek lecionoj) de *Em. Robert*, profesoro en la Komercaj Parizaj lernejoj. Franclingve redaktita, tiu broŝuro prezentas aranĝon de la fama lernolibro de *Profesoro Cart*, t. e. en ĉiu leciono ekzercojn de traduko el franca lingvo esperanten aŭ reciproke, kaj vortaron de la vortoj uzitaj en tiuj ekzercoj. Ĉar la teksto de tiuj ekzercoj estas frazoj uzitaj en komerca fako, tiu verko estas por la Francoj tiel utila kiel la frazaro de S-ro Kreuz.

Se oni aldonas al tiuj vortaroj, tiun nun preparatan de *« Esperanto et Commerce »*, oni konstatos, ke la komercistoj ne rajtas pravigi sian ankoraŭ tro indiferentan sintenadon kontraŭ nia lingvo, per manko de fakaj terminoj.

Aliflanke estas anoncataj kelkaj **enciklopediaj vortaroj,** kiuj certe ankaŭ entenos teknikajn terminojn, kaj pro tio interesos nin.

En *Progreso* (Feb.-Marto 1928), S-ro *Kamaryt* donas **esperantajn tradukojn de la verbo franca : agir, être appliqué à,** en kemia kaj fizika sencoj. Jen kelkaj el tiuj tradukoj :

*La force agit sur le point A* = La forto agas sur la punkton A
*Le corps agit comme oxydant* = La ŝtofo agas kiel oksidilo
*Agir sur quelque chose par quelque chose* = Efiki je io per io
*L'acide et l'alcool réagissent l'un sur l'autre* = Acido kaj alkoholo reakcias reciproke
*Faire agir la chaleur* = Agi per la varmo
*S'influencer réciproquement* = Influi sin reciproke
*La pression s'exerce sur...* = La premo efikas sur...
*Appliquer une force à quelque chose* = igi agi forton je io.

La *Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj* studas nun rimedon publikigi la **Fervojan Terminaron,** verkitan de la Komisio prezidata de S-ro *Edward Rosher*, pri

kiu ni sciiĝis en niaj antaŭaj Bultenoj ; kiel oni scias, tiu verko konsistas el la traduko de la V-a volumo de la internacia terminaro de *Schlomann*.

Nia kolego *Athanassoff* prezentis kun sukceso ĉe la *Scienca Pariza Fakultato*, **Tezon pri anatomio kaj maturiĝo de la ŝalmoj de unu tritika planto** : Koloso de Razgrad *(triticum turgidum L.)*. Tiu tezo estas, kiel ni sciiĝis en la antaŭa Bulteno, sekvita de resumo en Esperanto, kaj presita kune kun tiu resumo ; ĝi prezentas kelkajn fakajn terminojn tre interesajn por la specialistoj. Tamen, ĉar la eldonisto de la revuo, ĉe kiu estas publikigita la tezo de nia kolego, ne konsentis presigi la esperantan resumon, la interesuloj estas petataj turni sin senpere al S-ro *Athanassoff, 62 bis, rue Corot, Ville-d'Avray (Seine-et-Oise), France.* Jen la konkludo de tiu tezo : « 1-e Dank' al la baza lokiĝo de la kreskanta zono, la internodo maturiĝas de malsupre supren kaj malgrade (tre rapide de la bazo al la mezo kaj malrapide pli supren) ; 2-e La ŝalmo (trunketo) dum sia antaŭa malgrada maturiĝo (samtempe sed ne paralele akcelita) komplikiĝas, solidiĝas, egaliĝas kaj elĉerpiĝas (favore je la grajnoj) de supre malsupren ; 3-e La mezo de la tria intervido per sia stabileco kaj ekvilibreco povas facile servi antaŭ la plena maturiĝo kiel *karakteriza regiono por la tuta planto* (sistematiko), permesas juĝon pri la ŝalma rigideco — rezisto al la katastrofa antaŭrikolta kuŝiĝo (plantprodukt-ado) aŭ malsanatakoj (planta patologio), kaj ebligas la direktadon de la pliboniga hibridado (selektado). »

En la maja numero de « **Esperanto** », post artikolo titolita « Ĉionmanĝanto » troviĝas listo de kelkaj diversfakaj sciencaj terminoj (ĉefe nomoj de insektoj).

Kun la sama numero estas sendata la unua numero de « **Interŝanĝa Bulteno** », kiu entenas artikolon de la fakestro de filatelia vortaro S-ro *H. M. Scott* ; en tiu artikolo li donas klarigojn pri kelkaj terminoj kaj esprimoj uzeblaj por la kolektado de poŝtmarkoj.

---

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris — Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

## (I. S. A. E.)

---

## STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;

*b)* societojn kaj korporaciojn,

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finigo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. [1]

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.
**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.
**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.
(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

**KOTIZOJ** sendotaj al la kasisto **S-ro Rousseau, 32, Grande-Rue, Enghien-les-Bains (Seine-et-Oise), France.** Por la Francoj : Poŝta ĉekkonto nº 698-55 Paris.

## SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

Fr. fr.

**Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) . 4.—

**Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) . . . . . . . . . . . . . . . . 12.—

**Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle). . . . . . . . . . . . . . 2.50

**Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) . . . . . . . 12.—

**Konsilaro por la farado de la Sciencaj kaj Teknikaj Vortoj** (Komisiono de I. S. A. E., direktoro Rollet de l'Isle), 1911 . . . . . . 10.—

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

**Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster). . . . . . . . . . . —.—

**Enciklopedia Vortaro** *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) . . . . . . . . . . —.—

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

**Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) . . . . . . . . 5.—

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

**Raporta Stenografio**, alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto (Montagu C. Butler) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . —.—

**Scienca Gazeto**. — Numeroj : Jaro 1912 : 1, duobla 2-3, duobla 4-5, 6, 7, duobla 8-9, 11, 12. — Jaro 1913 : 13, 14, 14, 15, 16, 17, 18, 19, duobla 20-21, 22, 24. — Jaro 1914 : 26, 27, 28, 29, 30, 31,

Prezo : unu ekzemplero sendata afrankite . . . . . . . 1.50
dek ekzempleroj de la sama numero . . . . . . 10.—
Tuta kolekto t. e. 24 numeroj . . . . . . . . . . 30.—

(Mendoj al S-ro ROUSSEAU, 32, Grande Rue, Enghien-les-Bains, Seine-et-Oise, France.)

## TEKNIKAJ REVUOJ

**Internacia Medicina Revuo**, jarabono 1 dolaro ; abonejo : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

**Internacia Radio-Revuo**, jarabono 0,5 dolaro ; abonejo : M. Chiron, éditeur, 40, rue de Seine, Paris, France.

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.